Jaro V/IX. N-o 3 (51) Decembro 1927




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# LITERATURO

ENHAVO:



(La n-ro konsistas nur el originalaj verketoj.)



Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# MAJSTROJ KAJ DISĈIPLOJ

## ALEGORIO

*ERO-DE-HOMARO*

Antaŭ multaj, multaj miljaroj la homaro vivis feliĉe, kaj ne konis la mizeron kaj suferon. La varma suno senĉese brilis, la vetero estis ĉiam agrabla, varma kaj bela... La naturo ĉiam estis verda, milionoj kaj milionoj de diversaj floroj en multaj, pli kaj pli belaj koloroj kolorigis la verdan herbaron... La birdoj gaje kantis kaj aŭdigis diversajn melodiojn...

Feliĉaj homparoj senĝene ĝojis la vivon, nekoninte la Tempon, malfeliĉon, malsanon kaj suferon... La Naturo donis al ili la pli kaj pli bongustajn fruktojn kaj la abeloj kolektadis la dolĉan mielon... Ili ne devis pene labori, ŝviti sangon por la "ĉiutaga pano". Ili ne havis pensojn malbonajn. Ilia stomako ne devigis mortigi unu la alian pro panero, eĉ malsanoj ne suferigis ilin. Ne estis diversaj nacioj, gentoj kaj sociaj klasoj... Ili estis nur homoj, kiuj vivis laŭ la leĝo de Naturo. Ne estis diversaj religioj, dogmoj kaj pastroj, kiuj nun disigas la homaron. Ili simple kredis en la Vivo. Ili amis la vivon... Ili ne disputis pri dioj, sekve ili ne havis kaŭzon por interbatali...

Ili parolis en unu sola homa lingvo, kiel la hirundoj parolas inter si hirunde, la najtingaloj najtingale, la abeletoj abele sur la tuta Tero...

La homoj parolis home...

Kaj la homaro vivis kune en unu granda familio... Kaj ĉio estis komuna... Ne ekzistis homo, kiu diris kaj montris, ke "tiu estas mia". La naturo al ĉiu donis egale: nutraĵon, varmon, sunradion, aeron, ripozejon, hejmon, ĝenerale feliĉon...

Ne estis tiam kapitalistoj kaj proletarioj... Ne estis privatposedaĵo, kapitalo kaj privilegio... Ne estis riĉuloj kaj malriĉuloj... Ne estis artefarita "ordo" kaj "leĝo"...

Nur regis harmonio inter la gaja homaro...

Pri tiu ĉi epoko restis io en la memoro de la homaro. En legendoj de diversaj popoloj postrestis io el la perdita mondo. Unuj diras, ke tiu mondo estis la paradizo, aliaj legendoj pri ora epoko rakontas, aŭ Edenĝardeno. Sed ĉiu popolo havas legendon pri tiu perdita, feliĉa mondo...

Sed poste venis ia mondkatastrofo kaj la homaro perdis tiun mondon. Venis sufero kaj malfeliĉo, mizero kaj baraktado por la homaro.

Sed restis la memoro kaj sopiro je tiu perdita paradizo, pri tiu perdita mondo. Kaj venis la kredo pri la reakiro de tiu tempo.

La sufero estis granda de la homaro. Ĉiam pli kaj pli grandiĝis la malfeliĉo kaj la malespero...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Kaj en tiu ĉi granda sufero kaj malespero venis homo antaŭ dumil jaroj, kiu profunde sentis la doloron de la malfeliĉa homaro.

Kaj tiu homo donis la unuan ideon, per kio la homaro povos atingi la sopiratan mondon kaj sopiratan feliĉon.

Li donis al la homaro la ideon pri Amo kaj pri Espero. Li, la unua Majstro instruis nin pri tio, ke ni devas ami unu la alian, se ni volas esti feliĉa. Kaj li instruis nin esperi tiun Novan Mondon. Li instruis nin pri tio, ke ne ekzistas gentoj, nacioj, sed ni ĉiuj estas fratoj. Kaj li donis sian tutan vivon por la homaro. Li estis la unua Majstro...

Kaj estis disĉiploj, kiuj instruis kaj disvastigis la Ideon...

Kaj ekestis la unua Ilo por la suferanta homaro...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Kaj venis Majstro, kiu diris: Estas granda malvereco en la homa socio, la socia ordo estas malĝusta. Ĝis tiam ne estos feliĉo, ĝis kiam dividos la homaron sociaj klasoj. Ni povos atingi la Novan Mondon, se ĉesos la privatposedaĵo, kaj ni ĉiuj egale laboros por la profito de la homaro, se ni komune laboros por la komuno...

Kaj venis veraj disĉiploj, kiuj disvastigis la Ideon...

Kaj ekestis la dua Ilo por la konstruo de Nova Mondo...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Kaj venis Majstro, kiu kreis por ni komunan lingvon kaj diris: La granda homa familio, se nur komprenos unu la alian, estos feliĉa. Kaj li dediĉis sian tutan vivon por la konstruo de Nova Mondo. Li kreis por ni komunan, homan lingvon sennacian...

Kaj la veraj instruatoj disvastigas la Ideon...

Kaj ekestas la tria Ilo por la konstruo de Nova Mondo...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Kaj venis Majstro kaj diris: — La homaron suferigas malsanoj, frue pereigas la morto, ĉar ĝi ne vivas laŭ la ordo de naturo. Nur per sana korpo kaj cerbo povos esti la homaro feliĉa kaj nur per la sana korpo kaj animo ni povos labori kaj atingi la Novan Mondon.

Kaj li donis al ni la manieron, kiel estu nia korpo kaj cerbo sana kaj forta...

Kaj la veraj disĉiploj disvastigas la Ideon...

Kaj ekestis la kvara Ilo por la konstruo de Nova Mondo...

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

La Majstroj sentis profunde la homan doloron kaj ili serĉis kaj montris la Vojon al Nova Mondo. Ili estis feliĉaj, kiam kreis por ni manieron, ilon, ideon, per kio ni povos atingi la komunan celon.

Ni iru la Vojon montritan de niaj Majstroj kaj ni atingos la Novan Mondon...

# AL ZAMENHOF

A. BULIGIN

*En lando, de la car' premita,*
*Ĝeminta dum de l' jaroj ar',*
*Vi kreis lingvon, nun uzitan*
*De ni por venk' de l' Proletar'.*

*Kaj ĉie sur la glob' de l' tero*
*Kaj spite al riĉula vol'*
*Per ĝi semata estas vero,*
*Vekata estas la popol'.*

*En man' de l' mondlaborularo,*
*Marŝanta al la hela cel',*
*Rompil' ĝi estas por ĉenaro*
*De naciec-malvasta ĉel'.*

*Do, kiam festos ni alvenon*
*De la Estonta Mondsoci',*
*Ni rememoros vian penon*
*Por la forigo de Naci'...*

# LA DIMANĈO

NENIU

Sola for de urba bruo, meze de vasta torf-teritorio, ĉirkaŭate de silenta arbaro, kolose kuŝas granda elektroenergiejo kun siaj ĉiam fumvomantaj kamentubegoj, kvazaŭ io granda funkcianta koro de senforma korpego, al kiu ĝi prezentas la cirkulantan sangon, la kreantan forton. De ĝi disetendiĝas kabloj kvazaŭ nervaro, en kiuj fluas la energio al la modestaj vilaĝoj, brulantaj urboj, kie sonore veturas la tramvagonoj, ardas lume miloj da elektrolampoj, zume laboradas la fabrikoj, ĉiuj kunligitaj kun la funkcianta koro.

Proksime al la laborejoj, novkonstruitaj etaĝaj lignodomoj amasiĝas en blokoj, neĝkovritaj ĝardenetoj, hejmeca humoro, virina laŭteco ĉirkaŭas ilin, en si kaŝante la erojn de la kolektiva Laboro. Jen estas la laborista kolonio.

Ĉie vidiĝas la febra takto de l' kreemo. Duonkonstruitaj laborejoj novaj, aroj da maŝin-pecoj amasiĝas en montetoj. La lasta refortiĝo de l' februara vintro metis altan neĝkovrilon sur ĉiujn objektojn kaj en blanka reflekso brilas la pejzaĝo en la alproksimiĝinta vespera krepusko.

La laboro ĵus estas ĉesigita, ankoraŭ la lastaj tremoj de l' sirenbleko vagadas en la spaco, mallaŭtiĝas la zumanta bruado de rotaciantaj maŝinradoj, unu post la alia en la laborejoj estingiĝas la lumo, nur la tagnokta uzino la energi-produktejo estas arde lumigata, tie la laboro ne ĉesas, neniu funkcianta maŝino haltiĝas, tie ne estas

ripoztempo por la batanta koro, por ke la korpo ne senmoviĝu. La grandaj vaporturbinoj tagnokte konstante zumas siajn unutonajn kantojn, nigraj gardantoj observas ĝiajn lacigajn melodiojn.

El la laborejoj ekmarŝas nigraj siluetoj sin balancantaj. Laŭlonge ili etendiĝas en serpentumajn vicojn kaj direktiĝas al unu punkto, kie la brančoj kunfandiĝas, malaperas en grandan domon, kies konturoj akra-nigre distingiĝas el la blanka postspaco. El ĝiaj fenestroj frost-tremante dancas la lumradioj sur la glacianta neĝo. Ĝi estas la laborista klubo.

Malrapide ili kolektiĝis, ducent simplaj gardistoj de la granda revolucio. En ĉies memoro sin kaŝas sangoz- kaj batalplenaj tagoj, kiam ĉies unu mano estis ĉe la laboranta martelo kaj la alia tenis fusilon por esti ĉiam preta kontraŭ la embuskanta pasinto. Nun jam tiu tempo pasis for, sed la batalantoj ne ripozas. Dumane ili rekonstruas el la ruinaĵo la pli bonan, pli justan kunvivon kaj surdorse portadas la gigantan ŝarĝon de l' kulturiga laboro por forigi ĉiujn robojn, hereditajn de despotismo, malbenaĵojn, en kies katenoj la popolo baraktas.

La murmurado ĉiam pli laŭtiĝis. El la vestaĵoj de la novvenintoj sentiĝas la malvarmo, kvazaŭ ia frosta spirego. La sekretario senhumore registris en la kontrollistojn la sin anoncantajn kaj unutone respondadis je la demandoj. Ĉie seriozaj zorgoplenaj vizaĝoj montriĝas, kelkloke vigla disputo akompanata per pasia gestado rompas la samtonan murmuradon. Ili ekmoviĝis al la ĉambrego. Hodiaŭ estas plena kunveno de la partiĉelo uzina. La tagordo estas grava, malĝojiga. Ĝin oni solvi devas.

La tempo pasis ĝis komenco. Akre sonoras la sonorilo. Ĉio silentiĝas. La sekretario malrapide iras al la tribuno. Kuraĝe rigardanta junulo, trapenetrita per krea vigla laboremo. Lia voĉo akre tranĉas la aeron kaj resoniĝas de la muroj. En lia raporto tremas la dolora malĝojo.

— Kamaradoj! La partiĉelo havas financan krizon por plenumi la kultur-movadajn taskojn! La likvido de analfabeteco en nia laborrondo je tempo estas fiksita, sed mankas mono por la pli intensiva laboro. Ankaŭ aliaj gravaj klerigaj programoj deciditaj ne estas efektivigeblaj pro la sama kaŭzo. La sekretariejo de nia partiĉelo ne povas disdoni senpagajn kontraŭreligiajn, porpolitikajn broŝurojn en la ĉirkaŭaj vilaĝoj, ĉar mono mankas. Hodiaŭ mi prezentas tiun ĉi gravan problemon al vi, por solvi ĝin...

La instruisto de l' analfabetuloj sektone, senpasie parolis.

— Ne estas kajeroj, libroj, skribiloj je dispono. La havataj jam estas tro eluzitaj kaj la kvanto malsufiĉas por la bezono. Ĉiutage tri analfabetaj kursoj funkciadas, sed la manko de necesaj lernolibroj tre malakcelas la rezulton. Ĉiam novaj lernantoj sin anoncas kaj, se ni volas likvidi la analfabetecon je la difinita tempo, ni devas

ankoraŭ organizi tri kursojn. Sed la lerniloj sufiĉas eĉ ne por la nunaj. Unu kurso atendas la lernilojn de la alia. Ili vagadas tienreen. Ĉion ni bezonus renovigi kaj la kvanton pligrandigi...

Serioza zumado rompis la silenton. Ĉiu zorgplene rigardis antaŭ sin, serĉante solvon.

La "ruĝa direktoro" de l' entrepreno petis parolrajton. Modesta juna laboristo karesdorlotata de ĉiuj, kiu en la laborista universitato akiris sian kapablon por la direkta laboro, kontroli akceli la produktadon, gardi la proletaran intereson. Permane, enpensiĝante, li glatigis la krispajn buklojn de sia blonda hararo, ĉirkaŭrigardis la ĉambregon, insisteme li ekparolis:

— La stato ne estas tiom malesperiga, la problemon solvi eblas... — li diris admone.

Atentstreĉitaj rigardoj direktiĝis al li.

— Kiel mi scias, la kooperacio de la kolonio volas provizi sian magazenon por somero per glacio. Ni estas ĉi tie ducent Gekamaradoj. Se ni farus dum venonta dimanĉo tiun laboron, la gajnitan sumon enspezus la ĉelkaso kaj la krizo estus solvita.

— Brave, Aleksandrov! — ekkriis kelkuloj.

La administranto de l' kooperacio sin levis paroli. Rapideme li diris la vortojn preskaŭ nekompreneble: — La glaciprovizado de l' magazeno urĝus. Baldaŭ la frosto ĉesos. La stokita nutraĵo nun estas en la vendejo, kie entute mankas loko. Nova stokaĵo estas atendata. Por la laboro dungi laboristojn ne estas eble, ĉar el la ĉirkaŭaj vilaĝoj la vilaĝanoj ne venas pro la tro alta frostotemperaturo. Certe ni povus entrepreni ĉi laboron, ankaŭ la kooperacio profitus el ĝi. Se ni komencus la glaciliveradon je la oka horo matene, eble ni finus ĝin ĝis la kvara posttagmeze. Du mil pudoj da glacio estas bezonataj. Nur ni ĉiuj ĉeestu!

Kontentaj ridetoj superregis la vizaĝojn. La premantan malĝojon forpelis la vigla diskutado.

* * *

Dimanĉon matene antaŭ la magazeno kolektiĝis la trupo. La sekretario, sidanta sur sukerkesteto, per piedoj tamburadis sur la tero fajfante proletkanton por la takto. Per rigidaj manoj li registradis la alvenintojn.

— Saluton, Sergej Ivanoviĉ! Terura frosto estas hodiaŭ. Mi rigardis hejme la barometron. Gradoj 34.

— Vi ankaŭ alvenis, Aleksandrov! — li respondis gajhumore. — Jes, ŝajnas, ke la vintro prezentas ŝian plej lastan forton.

Korboj venis kun virinoj el la varmaj hejmoj, martelegoj ŝtalostangoj ekmarŝis el la laborejoj. Ĉies vangojn ruĝigis la malvarma venteto kaj la spiroj suprenŝvebis kiel etaj nuboj. La vestojn, barb-

# INTERNACIA BRUTAR-FOIRO

*C. F. MAGASHAZI-HOCHHAEUSER*

I

Ni renkontiĝis en proleta kultur-klubo. Kiam mi iun vesperon estis paroladinta pri la "necesego de l socialismo", ekvenis al mi diversaj Kamaradoj, inter kiuj troviĝis "studento de ĥemio", homo ankoraŭ juna, sed kun trajtoj de sufiĉa maljunulo... Li min salutis en la nomo de l' frakcio de revoluciaj studentoj, kaj premante mian manon, li gratulis — ke li estas elkore dankema kaj kontenta. —

Pasis longa tempo, ke unu ne vidis la alian, mi estis forveturinta serĉi laboron, kaj kiel la t. n. sorto deziris, ni renkontiĝis en azilo por senrifuĝuloj en la ĉefurbo de Germanio.

En ĉi-urbo, metropolo, kiu enhavas pli ol kvar milionojn da enloĝantoj, partigitaj je du kvartaloj, nome en burĝa kaj proleta, ni vagadis la tutajn tagojn, ĉiam kun la samaj zorgoj: kie dormi, kion manĝi, kie la celo? Ĉu resti, ĉu migri alien, eksterlandon? Ĉu... ja, ĉu nin memmortigi? Kio okazos, kia estos kun ni?...

La azilo ŝlosis siajn pordojn kaj ni vagadis kaj vagadis.

— Kamarado, — ekdiretas li — ĉu ni ne preferu eksalti en la Spree'on? (Berlina rivero).

— Ne, — mi respondas — tion fari povas nur elburĝulo!... Ni tamen estas ja klaskonsciaj proletoj? Ne, tion ni ne povas fari. Kaj se ni volus fari tian absurdaĵon, tiam ni unue devus mortigi leĝfariston, kvankam la socialismo per tio mem tute ne estas atingebla. Do, ni ĝisatendu la tagon, la morgaŭon. Intertempe ni klaskonsciigu niajn proletojn, eĉ se malmultajn nur . . .

— Vi pravas, amiko, — li aldonis kaj transdonis al mi duonan cigaredon. Ni fumis kaj marŝadis. "Kien?"

— ? . . .

II

La noktojn ni pasigis per tio, ke ni sidiĝis kaj ekdormis por mallonga tempo — en diversaj stacidomoj — dum senkompate malvarmaj noktoj.

Iun tagon ni renkontis en "popola-kuirejo" samsortulon, al ni de l' azilo sufiĉe konatan:

— Amikoj, mi sciiĝis, ke ekzistas societo, kiu pagas la vojaĝo-spezojn por laboristoj, volantaj veturi al Francio kiel ministoj. Do, ĉu ankaŭ vi volas veturi?

---

ojn brile sursidis la delikata prujno, estigante rompemajn maldikajn glacifadenojn.

— Ĉiu ĉeestas! Al la laboro! — deklaris laŭte la sekretario, kaptante por si korbon.

Frapadis la martelegoj, tintadis la ŝtalostangoj sur la glacio, kies splitoj kvazaŭ kristalaj diamanteroj disŝprucis sub la batoj. La trupo, ekkantante ŝerchumore, dividis inter si la laboron. Surdorse en la korboj la glaciblokoj ekmarŝis al la magazeno.

Ducent simplaj gardantoj de la granda revolucio, solvis la financan krizon por sia kulturlaboro.

— Kial ne? — ni ambaŭ kiel el unu buŝo respondis. Kaj ni ekmarŝis triope, kun "ĝojaj" koroj . . .

— — — — — — — — — — — — — — — — — — —

— Ĉu vi estas sanaj? Jes? Tiam subskribu ĉi-kontrakton!

Kaj la societestro prelegis al ni tiun kontrakton por tuta jaro da senhonta ekspluateblo, tiom rapide, ke ni eĉ ne sciis, kion ni subskribis!...

Je malvarmega decembra nokto nia transporto, 16 laboristoj, ŝtopitaj en unu vagoneton, laboristoj el diversaj landoj, foriĝis. Survoje ĝi estis "tutigita" per multaj aliaj laboruloj. Ĉe limo, soldatoj — burĝe uniformigitaj proletoj — perforte devigitaj, kontrolas . . . — kaj jen ni troviĝas sur "alia" tero . . .

La tute sama luno primokis aŭ . . . kompatis nin.

Ĉiuj laborkunuloj dormas. Ronkado tute harmonia . . . La homoj kuŝas surtere, sur la kofroj . . . Mia studento kun sia violono . . . la posta . . . ministo: la anti-burĝo el proleta aristokrateco . . . ronkas kaj paroletas — en dormo — — pri la necesego de l' socialismo.

Subite la vagonaro haltas:

— Eliru! — komandas burĝa voĉo de iu kapitano, kaj ni eliris kun niaj kofroj.

— Vere, ni jam alvenis.

Post kelkaj horoj da atendado, ni formis tutan armeon, aŭ pli ĝuste: tutan, veran foiron de internacia brutaro! . . .

. . . Alvenis dikaj, dikegaj sinjoroj, la sinjoroj de l sankta privatposedo. La regantoj de l' vivo alies. La "nobluloj"; ve al mi! kaj komandis oficire, ke ni formiĝu en unu vicon laŭlonge kaj laŭlarĝe. Tio certe okazis . . . Ni nur flustretis inter ni. Dum "ili" — ja dum ili nin — palpumis, kaj travidis per okulvitroj, ĉu ni taŭgos por ili, ĉu — *ni* — taŭgos — por — ili! . . .

Tio daŭris multajn horojn. Alvenas ventrulo al mia vico, ekvidas la miopajn okulojn kaj la violonon de mi kaj — dankas . . . — "vi ne taŭgas" — babilante, — "do for!".

Mi ne sciis, ĉu esti ĝoja aŭ malĝoja pri tio; subite mi ekvidas vizie siluetojn de mia senlaboreco, — kaj mi estiĝis melankolia . . .

La taŭga brutaro devis kunmarŝi kaj la "studento" kaj mi kun kelkaj aliaj, kiuj same ne havis fortegajn por la sinjoroj muskolojn, restis.

— Kien? — . . .

III

Niaj stomakoj ekribelis kaj ni ne sciis, kion komenci:

— Mi petos, mi almozpetos ĉe vilaĝano, — diris unu el la rondo.

Kaj ni ekmarŝis. La vilaĝano? "Kion? Panon? — Laboru!" . . . donis nenion ol ekscitigajn respondojn. Kaj tial ni enpenetris la domon, prenis al ni ne nur da pano, tiale, sed ankaŭ da kolbaso, da kafo kaj "ĝuis" bonan, tute bonan vesperon! . . . ĝis ni diskuris, ĉasitaj de policanoj. Nian "studenton" mi ne forlasis; ni daŭrigis la serĉadon je laboro. Trovis nenian. Subite: "policanoj" kaj ni diskuris. Mi — subtere — kaŝita, vidis ke li — sub eskorto — estas kaptita. —

Kaj pasas kaj pasas la tempo — sen ke mi scias, kie troviĝas mia "studento". Ĉu li entute ankoraŭ vivas, kiu scias? Tiel nia sorto nin ĉasas. Tiel. Nia proleta sorto.

Kiam fine la Revolucio estos?

Kiam fine?

Intertempe? Ni estas brutaro. Ni estas "bonaj" kaj "malbonaj" por la sinjoroj de l' mondo, por la kapitalismo.

Ho, — ke ni fine ne plu estus taŭgaj por la sinjoroj; t. e. ke ni fine ekkonu, ke ili ne taŭgas por ni: kaj ni ilin elpelu — forigu!

Sufiĉe longe ili nin elpelis kaj forigis!

# ANTAŬTAGMEZA DIMANĈA PREDIKO

*REAPERANTO*

Apartemento de studento Vipo, filo de pastro Stultus. Vipo sidas apud sia skribotablo kaj legas en libro. Tra la malantaŭa pordo envenas pastro Stultus.

Stultus (al sia filo): Via patrino kaj mi jam estas pretaj por iri al la preĝejo kaj fari la diservon. Ĉu vi kuniros?

Vipo: Ne, mi preferas iri en la belan naturon. Estas tie pli freŝa aero kaj pli alte sub la tegmento.

Stultus: Oni ne devas malzorgi adoradi Dion ankaŭ en la juneco. Mi timas ke la kunesto via kun la Gekamaradoj difektigis vian moralon.

Vipo (ekstariĝas, ekscitite): Mia moralo kaj la via tre diferencas. Dion vi, hipokritulaj pastroj, kreis en via propra bildo. (Li vagas trans la planko).

Stultus: Mia filo! Pripensu, kian doloron vi faras al viaj gepatroj, parolante tiel. Ni ja donis al vi bonan edukon kaj zorgis ame pri vi.

Vipo: Jes; pro tio mi kore dankas, sed mi ankaŭ heredis racion de vi; ĝin mi intencas obei, eĉ kiam temas pri moralo. Lastfoje, kiam mi sekvis vin preĝejon, vi inter alio ankaŭ preĝis por la militiloj kaj venko super la malamikoj. Same preĝas ankaŭ la diservistoj sur la alia flanko de l' landlimoj. Ni, junuloj, ne malamas la homojn trans la landlimoj, kaj ni neniam plu obeas ordonojn pri interbuĉado, kiel en la ĵus okazinta milito. Disrompi la naciajn barojn ni volas, kaj la malamikoj niaj estas la centjaraj, tradiciaj eraroj de vi, maljunuloj.

Stultus: Via fervoro kaj entuziasmo memorigas min pri mia juneco. Tiam ankaŭ mi faris ardantajn paroladojn kaj kolektis ĉirkaŭ mi disĉiplojn, kiuj celis ne malpli ol novkonstruo de l' moroj kaj kutimoj, sed post akiritaj klereco kaj vivspertoj la idealoj velkis. La oficon mian mi rigardas kiel donacon de Dio; krome, al la lando, en kiu ni vivas, ni ŝuldas estimon kaj obeon al ĝiaj institucioj.

Vipo: Mi scias viajn belajn paroladojn, kiujn vi adoptis pro via ofico. Pro via ofico vi ankoraŭ katenigis vian internan voĉon. Dum longaj tempoj eklezio kaj ŝtato interŝanĝis rolojn kiel spiritaj kaj ekonomiaj subpremantoj de l' popoloj. La ŝtato, en kies servo vi kaj via eklezio nun estas, travivis sian epokon. Ambaŭ meritus esti renversitaj de la suferanta mondproletariaro. Sufiĉe da krimo la ŝtato, estrata de la korteganoj de reĝo Mamono, ŝarĝis sur sin. Sufiĉe da krimo ankaŭ la eklezio ŝarĝis sur sin pro sia dissemado de maljunulaĝa, spirita mallumo.

S t u l t u s : Pro via obstineco kaj ribelemo vi meritus esti forpelata el via gepatra hejmo, sed ankoraŭfoje mi petas vin funde pripensi vian situacion kaj aŭskulti la amajn vortojn kaj konsilojn de via patro. Jen vi ĵus estas fininta viajn akademiajn ekzamenojn kun laŭdego. Antaŭ vi staras brila estonto, riĉe honorarigita ofico kuracista atendas vin, kaj ĉion vi ŝajne oferas por freneza, fiksa ideo.

V i p o : La elekton pri mia sorto mi post funda pripensado mem faris, kaj nun hodiaŭ mi memvole interrompas la ligilojn kun la hejmo por senbare labori kaj batali por mia celo. La akiritan scion mi utiligos ne por riĉigi min je Mamono, sed por adeptigi la junularon al kreado je nova mondordo. Mi komprenas, ke vane estas klopodigi vin, alie pensantan. Iru vi preĝejon kaj endormigu la stultulojn. Mi iros por igi la junajn saĝulojn disŝiri siajn laŭtradiciajn ŝtatajn kaj ekleziajn katenojn.

(Pastro Stultus, sternigite kaj fikse rigardinte sian filon, forrapidas el la ĉambro, ne dirante eĉ unu vorton.)

V i p o (sola): Sola . . . Vagulo sen hejmo. Sen ekzistrimedo . . . (Li sidigas sin sur seĝon, apogante la kapon, meditante.) (Stariĝas.) Estas necese tuj sciigi la geamikojn pri la okazintaĵo. Kaj poste reveni? . . . Ne! Estas nenecese, eĉ senutile diri adiaŭon. Nur la plej necesajn objektojn mi kunprenos kaj mian novan manuskripton kaj la korespondaĵon kun mondlingvanoj el la tuta mondo.

(Li kolektas la objektojn kaj enmetas ilin en kofron. Post momento la pordo brue malfermiĝas kaj enrapidas Verinjo, fratino de Vipo.)

V e r i n j o : Ĉe la stratpordo haltas aŭtomobilo kun policistoj; mi timas, ke estas vi, kiun oni serĉas, mi aŭdis, ke patro telefonis antaŭ ol li foriris preĝejon.

V i p o : Dankon, fratino por la sciigo. Kiel vi vidas, mi jam min preparas por foriri, sed ĉar mi eksentas, ke oni arestos min, mi petas vin bone kaŝi mian korespondaĵon kun manuskriptoj en ĉi tiu kofro kaj transportu ĝin al mia fidela amiko, Sindono, plej eble rapide. Rapidu!

(Li ŝovas Verinjon kun la kofro el la pordo dekstre. En la sama momento malfermiĝas la pordo maldekstre kaj du policistoj eniras.)

L a u n u a p o l i c i s t o : Ni havas ordonon aresti vin, Vipo, filo de Stultus; ĉu vi libervole kuniras?

V i p o : Plej malpuran metion vi prizorgas. Honestulojn vi metas malliberejon, dum la plej grandaj friponoj estas viaj ordondonantoj. Mi volas ĝis lasta sangguto batali por mia libereco kaj vivrajto.

(La policistoj perforte forkondukas lin.)

(Kurteno.)



# ORNATO

*L. IVN*

Kiam azeno staras inter du similaspektaj fojnamasoj kaj profundoze ilin observas, meditante: kiun elekti? — ho, tiu-ĉi azeno ne estas ordinara, longorela, sencerba azeno; li estas ne malpli ol magistro aŭ eĉ doktoro de filozofio.

Kaj se li mortos, tiu grizhara saĝulo, pro malsato dum la meditado, tio nur ĝuste pruvos lian diplomitan, eksterordinaran sciencozon: ja ne vane diris Plato, ke filozofio estas ne nur *prepariĝo* por morto, sed *morto* mem.

Unue: Petro Dob ne estis azeno.

Due: li aspiris neniam skribi antaŭ sia sensignifa nomo fierajn literojn M. aŭ D-ro. Dekdu infanoj + akrevoĉa edzino, kiel fulmoforigilo, defendis lin kontraŭ tiu honora sorto.

Tial Petro Dob konscience basis, kiel ĥorgvidanto, en templo:

*Ni laŭdas, dio, vin!*

kaj en laborista klubo:

*Nin tedis trompoj popaj*<br>*Kaj pompo templa fia.*<br>*Per balailo ope*<br>*Ni forbalaos diojn.*

Kaj ĉio estis en ordo. Li estis tre akurata: neniam klubaj kantoj subkupoliĝis en la preĝejo kaj inverse.

Jes, li estis tre akurata.

Eĉ hodiaŭ matene, kiam la klubestro kaptis lin sur strato kaj severe demandis:

— Ĉu ni vidos "Dipatron, difilon kaj kompanion"?

— Jes! — vigle respondis Dob: — post la vespera diservo mi venos la klubon kaj ni ludos ĝin.

Kaj li forkuris de l' klubestro, ĉar sur strata horizonto monumentis pastro Laŭro: estis necese ripeti la samon al li pri kristnaska festa kanto.

— Fripono trikilometra estas Dob Petro, — pensis la klubestro.

— Petro laŭ Evangelio estas ŝtono, sed nia Petro — kaŭĉuka fripono, — murmuris la pastro.

— Tamen Petro Dob estas tre sperta ĥorgvidanto, neanstataŭebla laboranto, — konkludis ili ambaŭ: la popo kaj la klubestro.

* * *

Sonoriloj solene vokis kristanaron al kristnaska vespera diservo, kaj geknaboj apud la preĝejo ne malpli solene imitis ilian alvokon:

Blindular', blindular',
Blindhom', blindhom',
Donu monon, donu monon!
Blindular', blindhom',
Iru al dia dom'.

Malrapide rampis preĝontoj. Popo Laŭro, larĝa, kiel vinbarelo, oscedante balbutis la komence-parolojn:

— Je nomo de l'patro, filo kaj . . .

— Kompanio . . . — nelaŭte eksufloris Petro Dob, sed tuj li rekonsciiĝis: ja la teatraĵo okazos ne ĉi-tie, sed en la klubo.

La popo okulfiksis Petron samesprime, kiel maĉanta bovino, kiu observas preteriranton, kaj daŭrigis indiferente:

— . . . kaj spirito sankt . . . a . . . a . . .

— A . . . amen.

Plu Petro ne eraris dum kantado. Sed li konstatis etan eraron flanke de l' pastro, la eraron ĉiaman.

Kiam estis kantata unua linio de l' preĝo:

Ni laŭdas, dio, vin!

Patro Laŭro estis aldoninta per voĉo gaje-dancanta:

Pro ruĝa templa vin!

Tiu eta, sensignifa aldono ne estu opiniata peko aŭ malkristana ago. Ĝi rezultis el tre profunda kaj atenta studado de Nova Testamento. Ja ne vane Jezuo Kristo drinketis kun siaj Kamaradoj, kaj eĉ li testamentis ĉiam fari tion, ĉar vino estas dia sango, ĝi diigas homon.

Laŭkutime post tiu-ĉi aldono patro Laŭro trotis al ŝranko kun sanktaĵoj, elmetadis laŭvican vinbotelon, klakis ĝin kontente per fingro kaj, eksentinte agrablan tiklon en unu korpa parto (ĝi ne oportunas por priskribo), li klinis sian kapon malantaŭen kaj pumpis duonon da botelo en la stomakon.

Ĉar hodiaŭ estis tre grava festo (ne ĉiutage Kristo naskiĝas!), la tuta vinbotelo estis elpumpita. Dia sango varmigis la koron, kaj en gaja humoro patro Laŭro revenis al sia posteno honora por daŭrigi la diservon. Sed post kelkaj minutoj li ree alproksimiĝis al la sankta ŝranko; ja la festo estas nemezureble granda. Unu botelo ne sufiĉas por eksenti ties gravecon. Kaj ĉu du boteloj sufiĉas? En kristnaska afero partoprenis ne malpli ol 3 personoj: patro, filo, spirito sankta. Sed ĉu patrino forestis? Necesas ankaŭ ŝin honorigi per unu botelo. "Dipatrino, virgino, ekĝoju!" Kaj Jozefo, la ĉarpentisto? Ĉu eblas lin ofendi? Sendube li faris ankaŭ ion por kristnasko!

Patro Laŭro penis rememori ankoraŭ honorindajn personojn, sed unue: liaj pensoj tute ne volis obei al lia volo, kaj due: mankis jam vino. Sekve li ĉesigis la komunion kaj ree aperis antaŭ la preĝantaro. Tuta kutima tagordo de l' diservo kunmiksiĝis kun gajaj valsmotivoj, kiuj obstine sieĝis lian vilharan kapon.

— Virgino hodiaŭ senpeke naskas, — kolere eksufloris al li Petro Dob.

Patro Laŭro ruze ekridetis:

— Laŭ Evangelio Petro estas fripono, sed nia Petro... Petro opinias, ke mi tiom ebriiĝis, ke mi forgesis, kio hodiaŭ estas festata.

Kaj la pastro kuraĝe ekhurlis:

Fariĝis viva Kristo,
Per mort' li venkis morton.
Al la enterigitoj...

Patro Laŭro ree ekridetis, rememorinte pri ruza Petro...

Al la enterigitoj
Li donis vivisorton.

Kelkiuj metis tubetforme manplatojn al siaj oreloj: eble ili mal bone aŭdis? Kelkiuj konfuzite frotis la nukojn. Kelkiuj ĉagrene ekspiris:

— Nia Laŭro ankaŭ fariĝis novemulo, vivigisto malbeninda. Ĉion li ŝatas vivigi; Kristo ankoraŭ ne naskiĝis, sed jam li reviviĝis. Rido ridoplena!

Petro Dob faris unu paŝon al la popo, poste indignite kraĉis sur tapiŝon kaj revenis al sia loko:

— Tutegale! Estu li viviganta kion ajn li volas. Ne ŝovu nazon en fremdan vazon! Mia afero: donu moneron!

Kiam li pensis tion, la pastro ĉesis hurli kaj beatvoĉe komencis prediki, pinĉante sian barbeton per unu mano, kaj per la alia tenante arĝentan krucifikson, kiu kvazaŭ dancis en la mano.

— Karaj gefiloj! Kristo re...e...viviviĝis!

Tiumomente knabo alproksimiĝis al la ĥorgvidanto kaj ekflustris:

— Paĉjo! Panjo transdonis al vi papereton.

Petro Dob prenis la papereton, atente trarigardis ĝin kaj duonvoĉe komencis insulti kredon, dion, diajn hepaton kaj lienon.

Estis sur la papereto:

*Al Ŝtata Kostumejo*

"Laborista Klubo en Ruĝa Slobodka petas pruntedoni por teatraĵo: »Dipatro, difilo kaj Ko.«, kostumojn de rabeno, mulao, katolika pastro kaj popo."

Kaj sur tio estas skribite per ruĝa inko:

"Ĉiuj kostumoj estas donitaj krom tiu de popo. La lasta nun forestas pro multaj mendoj."

— Kial oni min ne avertis?

— Kio?

— Iru for, hundido! Ĉu povas okazi la teatraĵo sen popa ornato. Ve! mi certe perdis la oficon en la klubo!

Kiam li malgaje meditis kaj serĉis sav-penson, patro Laŭro senĉese predikis. La paroloj fluis rapide, kiel vino el kvardeksitela barelo. Pri kio li parolis? Pri kredo, kiu malpliiĝas, pri malbona rilato al spiritaj patroj, kiuj devas vegeti sen subteno de parohanoj, pri junularo, kiu mokas pastraron kaj tute ne vizitas dian domon, ĉar ĝi preferas sin amuzi en klubo, pri vino, kiun drinki permesis mem Kristo, ĉar ĝi estas dia sango, kaj pri multaj aliaj aferoj parolis patro Laŭro. Finfine la dekstra mano laciĝis, kaj li kaŝis la krucifikson en sian larĝan poŝon por liberigi la manon. Sed tio okazis ti-kiam neniu restis en la preĝejo. Ankoraŭ longe parolis la pastro. Lin interrompis malĝentile Petro Dob.

— Sufiĉas verŝi idiotaĵojn! Neniu aŭskultas!

Patro Laŭro bonkore konsentis kun li kaj humile ekpetis:

— Konduku min hejmen, fileto! Mi tre laciĝis dum la diservo.

— Iru sub hundan voston, drinkulo! Mankas tempo por akompani ĉiun drinkulon.

— Kiu drinkis? — ofendiĝis la pastro: — mi enkorpigis nur dian sangon kaj honorigis estimindajn sanktulojn!

— Bone! Ili konduku vin, tiuj sanktuloj. Mi rifuzas.

— Almenaŭ helpu demeti la ornaton.

— Ornaton? Ornaton?

Rapide Petro Dob plenumis lian peton; li ne demetis, sed vere forŝiris tiun vestaĵon de l' patro. Poste li kunvolvis ĝin akurate, premis al sia flanko kaj sin direktis al la elirejo.

Patro Laŭro alkroĉiĝis al lia manumo:

— Fileto, estu kristano!

Forta pugnobato. La patro falas, kiel sako kun pizoj, kaj mirigite rigardas, sidante sur planko, la forirantan ĥorgvidanton, kiu forportas lian ornaton.

En la klubo oni sukcese ludis humorplenan kontraŭ-religian teatraĵon: "Dipatro, difilo kaj Ko." Petro Dob ludis rolon de popo kaj li mirigis la publikon ne nur per sia majstreca ludo, sed ankaŭ per bela, orumita ornato.

— Vera diservo okazas — flustris kelkiuj, ridante: ĉi-tie estas pli interese ol en preĝejo.



# VAGONARO DE MORTO

(Markanta ĉapitro al la romano "Viktimoj", de Julio Baghy)

*N. V. N-v.*

La legantoj de "Sennacieca Revuo" bone devas memori la artikolon "Siberia Lulkanto", kritikantan la neantaŭlonge verkitan Esperanto-romanon de Julio Baghy: "Viktimoj"[1]. La artikolo detale pritraktas la temon de la romano kaj ĉiujn ĝiajn ĉefepizodojn. Kiel estas konate, la romano estas bazita sur la historio de civitana milito en Siberio en 1919. Teruraj faktoj de tiu senkompata milito estas arte priskribitaj sur la paĝoj de la romano. Unu el tiuj teruraj faktoj, kiu apogeas la romanon, estas la epizodo pri "Mortvagonaro", plenigita de mortkondamnitaj revoluciuloj kaj veturanta orienten al fatala malluma fino. Ĉiuj, kiuj legis la romanon "Viktimoj", certe konservis en sia memoro la misteran kaj terurplenan bildon de tiu ĉi "mortvagonaro".

Jam en la suprenomita kritikartikolo estis esprimita la supozo, ke tiu epizodo pri la "mortvagonaro" ne estas elpensita, sed la afero estis reale okazinta en la vivo. Nun venis al ni precizaj informoj pri tiu ĉi historio, kiuj restarigas ĉiujn ĝiajn detalojn.

Ni opinias, ke por la legantoj povas esti interesa tiu ĉi tragedia historia epizodo, kiu trovis sian reflektiĝon en originala esperanto-romano.

* * *

Jus antaŭnelonge, en aŭgusto 1927, en azia ekstrem-orienta urbo Ĥabarovsk, okazis granda proceso. Jen kiujn inkubajn scenojn tiu proceso restarigis en la memoro . . .

* * *

En 1919, kiam la blanka gvardio floris en Ekstrema Oriento, la blanka teroro en Ĥabarovsk trovis sian reflektiĝon en arbitra furiozado de diversaj blankaj atamanoj. Ĥabarovsk estis plenigita de bandoj de atamano Kalmikov. Liaj punekspediciaj taĉmentoj serĉadis tra la tuta regiono, kaptante bolŝevikojn kaj amikojn de la sovetregistaro. La arestitoj estis kondukataj "por juĝo kaj puno" al speciala vagono en kirasita vagonaro de la atamano Kalmikov, ricevinta pro tio la faman nomon "vagonaro de Morto". Komandanto de la vagonaro kaj estro de la fama karcervagono estis la ĉefo de la persona gardtaĉmento de l' atamano Kalmikov — centestro Piskunov. Liaj plej proksimaj helpantoj estis prokuroro Uninskij, ekzekutplenumisto Miĥajlov kaj suboficiro Gavriŝĉuk.

En tiu ĉi "mortvagonaro" estis mortpafitaj kaj kripligitaj kelkaj centoj da homoj. La terurajoj de la vagonaro estas nepriskribeblaj. Estas konstatitaj kaj fariĝis konataj nur sekvantaj faktoj.

En junio 1919 al la "vagono de morto" estis venigitaj el Nikolajevsk 9 bolŝevikoj, inter ili K-doj Eliaŝeviĉ, Dobrjanskij, Tuezov, Hugo, Vaĥnes kaj Ovĉinnikov. Ili estis subigitaj al plej kruelaj torturoj, poste ili estis elirigitaj el la vagono kaj sub komandado de Piskunov estis morttranĉitaj per sabroj. Okaze saviĝis nur Eliaŝeviĉ, sukcesinta forkuri.

Kelkan tempon poste al la "vagono de morto" estis venigitaj ĉefo de la Vjazma partitaĉmento K-do Koval, komisaro de truptransportado en Usuria lando K-do Fedoruk kaj aliaj, kies nomoj ne estas restarigitaj. Koval estis arestita en la momento, kiam li veturis kun falsa pasporto. Li estis enpuŝita en la karcervagonon. Fedoruk jam kuŝis tie batita kaj kripligita tiel, ke estis neeble lin rekoni.

— Koval! . . . Kamarado! . . . — flustris li.

Koval diris al li, ke li silentu, ĉar li ne volis,ke la perfortistoj sciu lian ĝustan nomon. Tiumomente en la vagonon eniris la kunulo de Piskunov — Miĥajlov.

[1]) Vidu "S. R." 1926/27, n-oj 1 (37) ĝis 5 (41).

— Koval! — ekkriis li, — eliru for, spiono!

Koval volis silenti, sed Miĥajlov kaptis lin, puŝis el la vagono kaj post tiam ordonis iri al salon-vagono. Tie estis Piskunov, Uninskij, japana oficiro, du ornamitaj "sinjorinoj" kaj volontulo-knabo. Ankoraŭ ne transiris Koval la sojlon, jam Piskunov aliris al li kaj preninte la pozon de Mefistofelo diris al li malice:

— Nu, vian frateton Nikiton ni hieraŭ "ŝmacis". Nun ni ankaŭ vin "ŝmacu".

Poste Koval eksciis, ke efektive antaŭtage lia frato Nikito estis persabre buĉmortigita de la kalmikovanoj pro aparteno al la bolŝevikoj.

Koval silentis, ĉar li ne volis perfidi sin. Tiam Piskunov venis al li pli proksime kaj per tuta eksvingo frapis lin sur la vizaĝon. Koval apenaŭ restis stari sur la piedoj.

La knabo-volontulo post tia sceno sin direktis al Miĥajlov:

— Estu bona, — diris li, — tenu mian karabenon . . . Mi tian grandulon ankoraŭ ne batis.

Kaj li komencis bati sur la vizaĝon de Koval. Koval falis. Tiam lin komencis kripligi ankaŭ aliaj ĉeestintoj. Venis unu el la du "sinjorinoj", forte ebria, kaj ekbatis la kuŝantan sur la planko Koval per kalkano sur la dentojn.

— Jen, jen al vi, ruĝa kanajlo! — sovaĝe kriis ŝi.

Eĉ la japana oficiro ekindignis pro la farata batado, ekfrapis sur la tablon per pugno kaj postulis ĉesigon.

Alifoje, tutebriaj Piskunov kaj Miĥajlov eniris la vagonon de morto kaj devigis du enkarcerigitojn frapi unu la alian sur vizaĝon. Piskunov restis malkontenta pri la interbatado kaj diris al Miĥajlov:

— Kaj nun vi montru, kiel necesas bati!

Miĥajlov tiam prenis la du homojn je kapharoj kaj interfrapis la ambaŭ kapojn kun granda forto. La okuloj elorbitiĝis ĉe la malfeliĉuloj kaj ili ambaŭ falis ĉe la piedoj de siaj torturantoj. Unu tuj mortis, la alia estis finbuĉita per sabroj . . .

* * *

En oktobro 1919 en Ĥabarovsk estis trovita de la blankuloj unu bolŝevika konspirorganizaĵo. Por averti pri la minacanta danĝero la Kamaradojn K-do Samorokin iris kinoteatron, kie li renkontis K-don Gorbulin. Sed tuj post li venis en la kinoteatron Piskunov kun taĉmento kaj arestis ilin ambaŭ. Ili estis eliriĝitaj sur la straton kaj aligitaj al la jam arestitaj K-doj Maksimenko kaj Ŝtilev, prezidanto de la sindikato de ŝarĝistoj. Post kelkaj tagoj estis arestita ankaŭ prezidanto de la tuta bolŝevika organizaĵo en Ĥabarovsk K-do Ĵdanov kaj kelkaj aliaj Kamaradoj. Ĉiuj ili estis lokitaj en la "mortvagonon", kie ili estis kruele torturitaj. Iun el ili (kies nomo ne estas restarigita) Piskunov starigis ĉe la pordo kaj tiom fortege frapis en la bruston kontraŭ la pordo, ke sango ekfluis el la buŝo kaj nazo de la malfeliĉulo. Post tiam Piskunov kune kun siaj kompanianoj komencis ŝuti salon sur la sangigitajn lokojn, surmeti varmajn ĉifonojn kaj verŝi bolakvon.

La atestanto Eliaŝeviĉ montras al la juĝistaro siajn fingrojn kun signoj de bruligo. Estis Piskunov, kiu bruligis al li la manojn per cigaredo. K-do Eliaŝeviĉ rakontas pri brulharditaj pingloj, kiujn Piskunov ŝovis sub la ungojn de la arestitoj. Pro la rifuzo kanti "Gardu la caron di'!" K-do Eliaŝeviĉ ricevis de Piskunov 50 skurĝobatojn. Estis norma porcio.

Piskunov estis deviganta la arestitojn trinki sian urinon. Li ankaŭ devigis trinki sangon, kiu fluis el la vundoj post skurĝbatado.

La atestanto Ŝejko, 49-jara, kun nenormale kurbigita dorso, diras, ke li ricevis 182 batojn kaj jam post 30 el tiu kvanto li kuŝis svene.

Komandanto de partitaĉmento K-do Pogudin estis batita de Piskunov ĝis senkonscia stato, kaj post tiam liaj manplatoj estis trapikitaj per ponardo. El la membroj de la Ĥabarovska bolŝevika organizaĵo estis en la "mortvagono" 27 personoj: Artem Jur, Lunenko, Bolotin kun sia edzino,

Sizov, Sokolov, Kuĥarĉuk, Golubev, Voloĵanin, Karpienko, Ektov, Reŝetnikov, Morkovcev, Mosiĉ, Kislakov, Belozerov k. a.

* * *

Ekzistas apud Ĥabarovsk belega konstruaĵo — la ponto trans la rivero Amur'. Pro sia longeco ĝi estas konsiderata kiel la dua en la mondo. La ponto estas tre alta. Vento kaj ondaro bruas sub ĝia arkaĵo. La kalmikovanoj elektis tiun ĉi lokon por siaj krimagoj. Tie ĉi sur la ponto estis farataj la mortekzekutoj. Tie ĉi la kadavroj estis ĵetataj en la akvon. Tie ĉi Piskunov estis ĵetiganta eĉ vivulojn kripligitajn kaj torturitajn.

Du virinoj trovis sur bordo tri hakitajn kadavrojn. Proksime kuŝis ankoraŭ unu duonhakita, sed apenaŭ spiranta homo. Li havis transhakitan kolon.

— El kie vi estas? — demandis la virinoj.

— El la "mortvagonaro".

— Kiu vin hakis tiel?

—La centestro Piskunov, — trastertoris la mortanto.

La 5-an de novembro okazis unu el sinsekvaj senŝarĝigoj de la "mortvagono". Al la viktimoj estis fortranĉitaj la nazoj, trapikitaj la oreloj kaj okuloj; ili estis hakitaj per la sabroj kaj ĵetitaj de sur la ponto en la riveron. El la grupo de Ĥabarovskaj bolŝevikoj ĉiuj estis ekzekutitaj krom K-doj Samorokin kaj Golubev, kiuj kune kun K-doj Ĵdanov, Sokolov, Lunenko, Voloĵanin, Reŝetnikov, Mangilev, Morcinkeviĉ, Mosiĉ, Baŝev kaj Ŝtilev estis juĝataj per la milita kampjuĝistaro. K-do Ĵdanov kun kvin aliaj K-doj sukcesis forkuri kaj saviĝi...

* * *

Kiam la triumfanta revolucio forpelis la blankulojn el la Ekstrem-Orienta lando, Piskunov kune kun la cetera bando de Kalmikov estis internigita en Ĉinio. Oni lin enkarcerigis tie. Antaŭ unu jaro li liberiĝis el la Ĉina karcero kaj kaŝe transiris al la Soveta teritorio. Laboristo Vorobjev rekonis lin kaj Piskunov estis juĝata.

— Diru sincere, metinte la manon sur la koron, — demandis la tribunalprezidanto: — kiom da personoj entute estis en la mortvagono, kiom da laboristoj, kamparanoj, revoluciuloj estis de vi turmentitaj kaj torturitaj?

— Mi ne povas diri precize, — sekvis la respondo de Piskunov, — eble ĉirkaŭ ducent aŭ tricent.

— Diru do sincere, kiomfoje vi estis sendanta la arestitojn por pafekzekuto?

Piskunov longe pensis kaj fine respondis:

— Eble centfoje . . .

— Kiom da personoj estis sekve ekzekutitaj? . . .

— Eble ducent personoj . . .

Li ne konfesis sian kulpon, klarigante siajn agojn per obeado al la pli superaj ordonoj.

La Ekstrem-Orienta Landtribunalo kondamnis Piskunov al la plej alta grado de socia defendo — al la pafmortpuno. Tiun ĉi verdikton, "konsiderante la senprecedentan kruelecon elmontritan de la blanka oficiro-ekzekutisto Piskunov", Supera Respublika Tribunalo konfirmis.

* * *

Estas preskaŭ nekredebla, preskaŭ ia fantazia — tiu ĉi terura historio. Kaj des pli ĝojiga, des pli esperiga estas la triumfa veno de la Granda Revolucio, instaliganta la Regnon de Laboranta Homaro sur la lokon de l' antaŭa arbitra besteco.

Tiu ĉi aldona ĉapitro al la romano "Viktimoj" ne estas superflua, ĉar ĝi estas la vero mem, — kaj ĝi estas tiu vero, kiu malfermigas la okulojn al multaj miopuloj, hardigas la nervojn, plifirmigas la volon al celkonscia kontraŭbatalado kaj pliflamigas la sanktan malamon kontraŭ ĉiuj perfortuloj kaj ekspluatistoj.

# ATENTU!

Jen la adresoj de la tri fak-redaktoroj, al kiuj oni bonvolu sendi la koncernan materialon:

## FAKO LITERATURA

K-do *Nikolao Nekrasov,* 1-a Tverskaja Jamskaja, 35, kv. 5 *Moskvo* (Sovetio)

## FAKO PEDAGOGIA

K-do *Marcel Boubou,* 96, Rue St. Marceau, *Orléans,* Loiret (Francio)

## FAKO SCIENC-TEKNIKA

K-do *Gregoro Demidjuk,* Degtjarnij per. 5, kv. 6, *Moskvo* 6 (Sovetio)

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)